# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **17/05/2013 Cent dekdua Eldono 18/05/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**


Angla. Price Threepence

A Key to Esperanto

Esperanto is the international language, created by Dr. L. L. Zamenhof, of Warsaw, and first published in 1887. It is designed for use as the neutral, second language for everybody, *not* to replace the national languages.

At Montevideo, on 10th December, 1954, the General Conference of U.N.E.S.C.O. accepted the following resolution:

*The General Conference, having discussed the Report of the Director-General on the International Petition in favour of Esperanto,*
(1) *takes note of the results attained by Esperanto in the field of international intellectual relations and in the rapprochement of the peoples of the world;*
(2) *recognises that these results correspond with the aims and ideals of U.N.E.S.C.O.;*
(3) *authorises the Director-General to follow current development in the use of Esperanto in education, science and culture, and to this end to co-operate with the Universal Esperanto Association in matters concerning both organisations;*
(4) *takes note that several Member States have announced their readiness to introduce or expand the teaching of Esperanto in their schools and higher educational establishments, and requests these Member States to keep the Director-General informed of the results attained in this field.*

This booklet contains the whole grammar and a vocabulary sufficiently large for daily use.

The grammar can be learned in a very short time. Exceptions and irregularities do not exist.




Mi rekreis la anglan ŝlosilon (The Key) (sed ne la vortareton.) La celo estas montri kiel facila nia lingvo estas, kiom malgranda estas la lernolibro kompare kun aliaj lingvaj.

Margaret Chaldecott retajpis la taŭgan informon el la originala Key. Necesis tri plenaj tagoj da laboro. Vera Payne kritikis, sugestis, kuraĝigis, provlegis la multajn provojn, preskaŭ ĉiun tagon post mia peto en AE108. Multaj aliaj provlegis kaj kritikis. La anoj de la Melburna klubo kune provlegis tuj antaŭ la presado kaj ankoraŭ trovis farendajn plibonigojn. Post korektado, ĝi estas nun senerara. (Espereble!)




imageDirect Design Studio | Web Solutions Print | Mobile Apps

Jim Bradford, Esperantisto kaj Direktoro de ImageDirect, presis la libreton senkoste por nia Movado.



Jim ankaŭ faris AEA informan karton taŭgan por prezenti Esperanton al iuj kiuj ne aŭdis pri

Esperanto.
Subtenu Esperanton. Ĉiam portu ambaŭ en via monujo/poŝo, estu preta por informi pri Esperanto. La karto montras bazajn informojn. La libreto estas ampleksa instrulibreto.

Kune senditaj estas la paĝoj de la KEY, kaj la ankaŭ la libreton
Necesas kunmeti la 4 paĝojn por fari libreton.

Por fari la libreton per la kunsendita teksto de la ŝlosilo, presu duflanke, metu la du A4 paĝojn kune, la etajn ruĝajn kaj nigrajn kvadratojn je la sama angulo, faldu je la blua linio, tranĉu, faldu je la ruĝeta linio, krampu je la verda linio, tranĉu la ruĝetajn faldojn, faldu je la verda linio. Jen libreto! (A7 grandeco). Eble ne tre profesia aspekto, sed havinda .
La profesie presita estos bela malgranda libreto. Sendota al niaj kluboj. Espereble la kluboj disdonos ilin. Se via klubo ne havas ilin, informu min kaj ili havos.
Ĉar ĝi estas donaco, la kopioj estas nigraj-grizaj. La korpopartoj aspektas pli bone ne koloirigitaj ĉar la oranĝkoloro ne kontrastas bone. Roger Springer

Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo,
Programlisto http://esperantaretradio.blogspot.co.at/ **9 Majo 2013**



Klavaro por poleksoj
Ĉu malaperos la tradiciaj klavaroj?
Ĉu, kaj kiel, la noviga klavaro KALQ povos plibonigi nian vivon? Nu, laŭ la rezultoj de esploroj faritaj de ĝiaj inventistoj, post nur dek horoj de trejniĝo per tia klavaro, oni sukcesis tajpi po 37 vortojn por minuto, dum la averaĝa rapido de tajpado per la kutima klavaro QWERTY estas 20 vortoj por minuto. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

## Vintra Lernejo en Junio



Saluton de la Sheidow Park Vintra Lernejo! Vidu sube rapidan mesaĝon pri propono por okazigi malferman vespermanĝon en Adelajdo vendredon la 7an de junio por ke ĉeestantoj povu kuniĝi, babiladi, kaj, espereble, aŭskulti interesan paroladon de eminenta gast-parolanto [ankoraŭ ne invitita :-)]. RETPAĜO por la vintra lernejo http://www.esperanto.com.au/
Gordon Coleman



Saluton karaj,

Mi informas vin ke Trevor Steele alvenos vendredon la 31an de majo en Sidnejo. Li estos partoprenanto de SLF2013. Kaj mi proponas organizi lian prelegon en E-Domo vespere vendrede. Trevor estas preta paroli pri sia lasta libro "As Though Everything Depended On Me". Mi opinias ke la temo "A Hero Against Nazi Barbarism" interesos multajn homojn. Amike, Dmitrij

# SYDNEY LANGUAGE FESTIVAL

Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo E6A,





Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 10:30atm

Multajn dankojn al Dmitry kiu laboras, aranĝas, estris multajn SLF kunvenojn rilate al la lingva festivalo.

Venu, al la Sidneja Lingva Festivalo.

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

http://sydneylanguagefestival.org.au/program/

Pri Esperanto ĝenerale: http://www.worldlanguage.info/

**Sydney Language Festival**
**1 June 2013**
**Macquarie University**

| | E6A (102) | E5A (110) | E5A (120) | E5A (130) | E5A (150) | E5A (160) | E5A (170) | E5A (180) |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 10:30 am | Welcome | | | | | | | |
| 11:00 am | | Italian | Kalasha | Chinese | English | Ancient Greek | Esperanto | Croatian |
| 11:30 am | Russian | French | Hindi/Urdu | Japanese | German | Latin | Volapük, Interlingua, Klingon, IDO | Modern Greek |
| 12:00 pm | | Spanish | Portuguese | Korean | Hungarian | Old Norse | Fitusa | Polish |
| 12:30 pm | Concert Closing ceremony | | | | | | | |



## Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenos ne je la kutima tago ~~26/05~~ pro la lingva festivalo.

Venu dimanĉon la 2an de Junio

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





## Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

http://www.youtube.com/watch?v=pSs1uCnLbaQ Bonega prelego en la Angla lingva

No Child Left Monolingual: Kim Potowski at TEDxUofIChicago

Ĉiuj infanoj estu almenaŭ du-lingvaj sendas Nicole

Saluton,

Dankon por Telopeo. En la artikolo pri la skanitaj eldonaĵoj de la Aŭstria Nacia Biblioteko estis rompita ligo. La plej bona ligo, laŭ mi estas,

http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/19056.htm

Amike, Jonathan

## Vortoj de "Lernu"

KONJEKTI

Elmeti opinion, konkludon aŭ klarigon, bazitan nur sur probablaĵoj:

Ni povas nur konjekti pri evoluo de la mondo.

Via versio estas bazita nur sur konjektoj.

Historio estas konjekta scienco, ĉar ni devas konjekti pri tio, kion ni ne scias.

Tio estas nur konjektaĵo. Mi ne certas pri tio.

La bankroto de via firmao estis ja konjektebla.

GARNI

1. Almeti ion al objekto por ĝin ŝirmi aŭ plifortigi:

Hieraŭ patro garnis ĉiujn fendojn per cemento.

La pordo estas fer-garnita por ke neniu ŝtelisto sukcesu rompi ĝin.

2. Almeti ion al objekto por ĝin kompletigi laŭ ĝia destino:

En la nova domo ankoraŭ ne ĉiuj fenestroj estas garnitaj per vitraĵoj.

Mi ŝatas bifstekon garnitan per legomoj.

Hodiaŭ ni manĝis kotletojn kun garnaĵo.

3. Almeti akcesoraĵon al objekto por ĝin ornami:

La ĉambroj de tiu tre multekosta hotelo estas garnitaj per oro.

Mia zono havas garnaĵon el belegaj diamantoj.

4. Servi por garni:

La kadro, garnanta spegulon, estas farita el vera arĝento.

Ŝian robon garnis belaj brodaĵoj.